# juna amiko

32a jaro, n-ro 1/05 (112)

APRILO 2005

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ



Makulul kun siaj amikoj
La fablo de Karina MacGill plej alte premiita en 2004

Kial ne provi partopreni en 2005 la Tutmondan Esperantan Fabelkonkurson?




# Lernu kaj uzu Esperanton!



***se vi volas perfektigi vian lingvo-scion!***
***se vi volas praktike utiligi vian lingvoscion!***

Ĝis nun ***lernu!*** (http://www.lernu.net) estas tradukita en 24 lingvojn. La ideo pri ***lernu!*** naskiĝis en 2000 dum unu el Esperanto-seminarioj en Svedio, organizita de internacia teamo, **Esperanto@Interreto**. En julio de 2002 la projekto ricevis subtenon de la fondaĵo ESF, dank' al kio la teamo komencis efektivan laboron.

Ekde tiu tempo ***lernu!*** evoluas kaj iĝas pli kaj pli populara. Ĉiu-tage la paĝojn vizitas pli ol mil personoj el kelkdek malsamaj landoj. Pli ol 12000 personoj registriĝis por lerni Esperanton. Kio, do, allogas ilin? Ĝi estas interesa kaj por komencantoj kaj por tiuj, kiuj jam iom scias la lingvon, sed volas plibonigi sian lingvoscion aŭ trovi novajn amikojn.

Se vi volas bone ellerni la lingvon, necesas scii gramatikon. Ĉe ***lernu!*** eblas trovi kaj mallongan prezenton de gramatiko en naciaj lingvoj kaj ankaŭ pli ampleksan en Esperanto. Krome vi tuj povos testi viajn sciojn de gramatiko per interesaj ekzercoj, eĉ kun kelkdek lingvo-helpantoj el diversaj landoj.

Vi povas, krome, trovi multajn interagajn programojn kaj ekzercojn. Se en iu teksto vi trovos nekonatan vorton, vi povos tuj ekscii ties signifon en vortaro. Ne gravas, en kiu loko de la paĝaro vi troviĝas, la vortaroj ĉiam estas alireblaj kaj facile uzeblaj. Krome ĉe ***lernu!*** troviĝas granda bild-vortaro kun ege belaj bildoj.

La paĝaro ne estus interesa, se ĝi enhavus aferojn, per kiuj eblas nur lerni Esperanton. Pro tio ***lernu!*** enhavas ankaŭ multajn interesajn ilojn, kiuj ebligas praktikan uzadon de Esperanto. Ekzemple, per la tuj-mesaĝilo vi povas babili kun aliaj uzantoj. Vi ankaŭ povas sendi al aliaj personoj mesaĝojn kaj/aŭ belajn bild-kartojn.

Eblas ankaŭ ludi. Sur la paĝoj de ***lernu!*** eblas trovi kelkajn tre interesajn ludojn kaj krucvort-enigmojn. La ludoj estas faritaj tia-maniere, ke ludante vi ne nur amuziĝu, sed sam-tempe ankaŭ lernu Esperanton.

Aldone, ĉe ***lernu!*** vi trovas riĉan bibliotekon kun libroj, tekstoj, filmetoj, anekdotoj kaj proverboj. Estas aparta rubriko pri Esperanto-gazetoj, en kiu estas ne nur informoj pri abon-manieroj, sed ankaŭ ekzemplaj numeroj kaj tekstoj. ***Juna Amiko*** ĉe ***lernu!*** havas sian propran rubrikon, kiu de nun ĉiumonate estos freŝigata per artikoloj el malnovaj kaj aktualaj numeroj, sed estos ankaŭ verkoj kiuj aperos rekte nur ĉe ***lernu!*** Rekompence la revuo ĉiunumere informos pri novaĵoj en la retpaĝaro: ***http://www.lernu.net*** .

*Neringa ZASAITE*

# ENHAVO



**Sen pied-notoj JUNA AMIKO uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: *www.junaamiko.inf.hu* aŭ en *www.lernu.net*.**

**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI, Riouwstr.172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. **Redaktoroj**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@galamb.net*) kaj *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Marie-Helene Desert* (Francio), *Jadranka Mirič* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Bardhyl Selimi* (Albanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Irina Nagy* (Rumanio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario). Presita en **Presejo Saluton** (Gárdi Jenő u.14, HU-1047 Budapest, Hungario). **Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre).

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en aŭgusto.**

***Karaj geamikoj, venu kaj ni redaktu kune!***

*Jen nia revuo en nova vesto kun pli-malpli nova enhavo.*

***Ni decidis rejuniĝi,***

*ĉar la tuta mondo ŝanĝiĝas ĉirkaŭe kaj kiu ne provas sin adapti al la novaj cirkonstancoj, tiu iom post iom perdas sian pozicion.*

***La plej okul-frapa ŝanĝo estas,***

*ke de nun ni havas frateton. La frateto nomiĝas* ***„lernu!"****: ret-paĝaro interesa, amuza, instrua kaj junece varia, vizitinda por ĉiuj lernemuloj. Ĝi ĉiu-monate liveros al vi kontribuaĵojn el la revuo. Tiele kvankam Juna Amiko eliras nur tri fojojn jare, tamen pli ofte vi trovas novajn artikolojn en „lernu!" (www.lernu.net). Kiu havas aliron al Interreto, de monato al monato nepre vizitu, do, la ĉi-supran retpaĝaron kaj vizitu ĝian bibliotekon, ĉar aperos tie krom tasketoj por unuopaj legaĵoj, anka• freŝaj informoj kaj alvokoj.*



***Trovu amikojn pere de „lernu!"***

*Unu el la ĉefceloj de la retpaĝaro estas: ebligi por la vizitantoj ret-kontaktojn inter diversnacianoj, kaj tio por ni estas aparte grava.*

***Junuloj kun pliaĝuloj man-en-mane.***

*Kiel vi vidas en la kolofono (paĝo 4) restis en la redakcio la plimulto de la kunlaborantoj kaj restas ankaŭ la bazaj ideoj kaj celoj, kiujn Juna Amiko deziris dekomence flegi kaj disvastigi. Sed ni – kaj tio estas tre grava – ekhavis plurajn novajn kunlaborantojn, al kiuj la malnovaj deziras, ankaŭ ĉi-okaze, multajn sukcesojn.*

***Pleje gravas komuna agado!***

*Por vera rejuniĝo necesas ankaŭ via aktiva kunagado, kara leganto. Kion ni aludas? Ni bezonas viajn kritikajn rimarkigojn: kio aparte kaptis vin, kion vi povis sukcese utiligi, kio helpis al via lingva perfektiĝo, ktp. Ali-flanke, ni multe bezonas viajn proponojn, kontribuaĵojn, senindulgan mencion de la artikoloj, kiuj ne plaĉas al vi aŭ estas superfluaj, enuigaj. Ni estas profunde konvinkitaj, ke ni povas sole kune kun vi redakti revuon valoran. Kaj se vi trovas ĝin tia, vi certe helpos ankaŭ reklami, rekomendi ĝin al ĉiuj amikoj, kiuj antaŭ nelonge ekstudis Esperanton.*

*Kore bonvenigas vin:*

*Geza Kurucz, Stefan MacGill, la redaktoroj.*

*Por la unua dimanĉo de majo, la tago de patrino*

# LA KORO DE PANJO

**P**ost multaj klopodoj Petro sukcesis havi belegan fianĉinon, tian kian li volis de ĉiam. Li tut-kore amis sian fianĉinon kaj povus eĉ morti kaj mortigi pro ŝi. Li amis ŝin pli ol sian vivon, pli ol la tutan mondon kaj la riĉigan monon.

Iam ili estis en la parko, parolis pri fianĉaĵoj kaj pri sia reciproka amego. Subite ŝi demandis al li:

„Petro, ĉu vi vere amas min?"

„Kompreneble!" tuj Petro.

„Kiom?" diris ŝi kun duba grimaco.

„Tre multe," respondis li firme.

„Ĉu pli ol vian hundon?" ŝi demandis kun maliceto.

„Multege pli."

„Ĉu pli ol viajn gefratojn?"

„Multe pli," li respondis.

„Ĉu pli ol vian patrinon?"

„Estas malsamaj amoj," respondis li.

„Jes aŭ ne!?" diris ŝi.

„Sed..."

„Jes aŭ ne!?" ŝi ripetis.

„Jes!" diris li dubeme.

„Do, vi devas pruvi tion, ĉar se ne, mi lasos vin kaj mortigos min. Vi portu al mi la koron de via patrino morgaŭ.

**L**i amis ŝin tro, kaj kiam li alvenis hejmen, li meditis longe: ĉu perdi kaj mortigi ŝin aŭ senkorigi panjon? Kompreneble, panjo estas maljuna kaj ĝenema kaj ŝi estas bela, juna kaj aminda. Li mortigis do panjon, metis la koron sur pleton kaj la sekvan tagon ekiris. Li kuris por montri al ŝi, kiom vere li amas ŝin, sed li falis kaj la koro ruliĝis malproksimen, kaj dume eliĝis el ĝi lumo kaj voĉo, kiu milde demandis:

*„Fileto mia, ĉu vi vundiĝis?"*

J. CRUZ, Kolumbio

# Ŝvel-ondoj

## Omaĝe al la viktimoj de cunamo en Sud-Orienta Azio

**Teksto:** ***Anja Karkiainen*** **Muziko:** ***Vesa Pölkki***






Tremis oceana fundo,
levis akvon al cunamo,
bordojn kovris per inundo,
sunan tagon igis dramo.

Ege tiam eksuferis
gastoj kaj la loĝantaro.
Miloj mortis, malaperis
sen spureto en la maro.

Miloj perdis familion
miloj hejmon por reveni,
miloj havis plu nenion
por estonte sin viv-teni.

Miloj en aĉega stato
en malsanulejo kuŝis.
Splitojn oni de sur strato
per buldozoj flanken-puŝis.

Ĉiu-loken scio venis
pri la tragedio fora.
Kiam homoj ĝin komprenis,
tremis en la fundo kora.

Tre rapide al viktimoj
en ĉi cirkonstancoj premaj
fluis mono de trans limoj
kaj helpantoj laboremaj.

Trankviliĝis post momento
oceano post cunamo.
Ĉiam daŭru ĉi kunsento,
Plu ŝvel-ondu nia amo!

*buldozo:* granda, forta maŝino forŝovi teron, ebenigi grundon / *cirkonstanco:* situacio, en kiu iu(j) troviĝas / *cunamo:* mar-tremego kun neiigaj ondegoj / *inundo:* superakvego / *splito:* akraj eroj de rompitaĵoj / *spuro:* postsigno.

*Bardhyl Selimi, Albanio*



# Maŝinoj en nia vivo

Ĉu vi povas imagi la tempon, kiam la homo apenaŭ havis maŝinojn? Se ni retroirus 5500 jarojn, ni povus renkonti la unuan plugilon. Estas konate, kiom grava estis por la homo tiu inventaĵo. Kiom ĝi ŝanĝis lian viv-manieron!

Poste sekvis multaj aliaj inventaĵoj. Ankaŭ pulio (rullevilo) estas maŝino. Oni diras, ke la helena (pra-greka) fizikisto Arkimedo estis la unua, kiu ekuzis puliojn kiel maŝinon, por eltiri boatojn al la bordo.

Pesiloj estis inventitaj 3500 jarojn a. Kr. (antaŭ Kristo).

Dent-radoj ekzistas de la jaro 100 a.Kr.

Meĥanikaj horloĝoj helpas nin ekde la jaro 1300.

La unua vapor-lokomotivo ekiris en la jaro 1804.

La unua elektra motoro ekfunkciis en 1830.

Disela motoro estas uzata de 1860.

La unua motorciklo ekruliĝis en la jaro 1885.

Jeto (reakcia aviadilo) unuan fojon ekflugis en la jaro 1939.

Rimarku la inventaĵojn de la jaroj 1800aj! Tiu-tempe okazis la tiel nomata industria revolucio, kiam maŝinoj disvastiĝis amase kaj rapide.

Ĉu vi scias, kiun utilon alportas la menciitaj maŝinoj? Kaj ĉu vi povas difini, kio estas maŝino?

De kie venas la energio de maŝinoj?

Kiuj maŝinoj moviĝas per mano?

Ĉu ili vere plifaciligas nian vivon?

La maŝinoj dividiĝas en simplajn kaj kompleksajn.

Simplaj maŝinoj estas, ekzemple, levilo, rado kaj akso, kojno, ŝraŭbo. La puŝ-ĉaro estas ia-speca kombinaĵo de rado kaj akso; balancilo estas speco de levilo.

Sed oni havas tiel nomatajn kompleksajn maŝinojn. Ili konsistas el vico da simplaj maŝinoj, kiel ekzemple aŭtomobiloj, foto-kopiiloj aŭ komputiloj. Oni diras, ke ili entenas sub-sistemojn, kiuj kunagas por plenumi certan funkcion.

Oni uzadas maŝinojn je ĉiu paŝo en

# Kukolaj vortoj

Vi havas sube dekduon da nestoj (vort-kvinopojn). En ĉiu el ili sin kaŝas kukola ovo (vorto fremda, t.e. la sola sia-speca en la grupo). Kaptu la kukolajn ovojn, ni petas.

1. *aprilo, bacilo, krokodilo, barilo, aŭtomobilo*
2. *ŝipestro, regnestro, fenestro, klubestro, klasestro*
3. *magazino, vitrino, benzino, maŝino, katino*
4. *vetero, telero, kulero, neĝero, papero*
5. *milono, miliono, nilono, balkono, butono*
6. *revidi, rekomendi, relegi, remaĉi, rebati*
7. *partiano, veterano, urbano, kamparano, klubano*
8. *barbaro, bazaro, cigaro, gitaro, estraro*
9. *okulo, tabulo, novulo, betulo, postulo*
10. *hundido, bovido, hibrido, homido, birdido*
11. *fiulo, fiherbo, fiverko, fibulo, fiparolo*
12. *trumpeto, knabeto, gazeto, pargeto, kometo*



sia vivo. Kelkaj el ili, ekzemple biciklo, estas kompleksaj, aliaj, kiel glob-skibilo, estas simplaj, kvankam ankaŭ ĝi entenas surprize multajn subsistemojn, el kiuj ĉiu plenumas sian funkcion. Ĉe biciklo tiuj ĉi subsistemoj estas distingeblaj. Ekzemple la subsistemo de bremsoj. Kiom da subsistemoj de biciklo vi jam konas? Kion faras ĉiu el ili? Ĉu vi pasas pli rapide per biciklo aŭ piedire? Kia-maniere biciklo ebligas al ni moviĝi pli rapide?

Kelkaj maŝinoj moviĝas per manoj. Ekzemple la ŝovelilo estas ia-speca maŝino, kiu postulas homajn manojn. Kiam ni fosas kanalon, ŝovelilo helpas nin fari tion pli rapide kaj pli bone. Kiom malfacile estus forigi la teron nur per manoj! Kompreneble estus ankoraŭ pli facile per eskalatoro. Ĉi-kaze ni praktike farus nenian laboron, ĉar la energio bezonata venus de la benzin-motoro de la eskalatoro. Ni devus nur premi butonon.

*inventi:* elpensi novan teknikan solvon / *kojno:* tri-angula ligna aŭ metala peco / *kombini:* kunigi laŭ diversaj manieroj / *kompleksa:* malsimpla /

# PLUGILETO



***La rumana popolo havas multajn kredojn, kutimojn, kiuj estas ligitaj precipe al tagoj de diversaj festoj.***

Kiel popolo, kiu okupiĝis ĉiam pri ter-kulturado, ĝi interesiĝas antaŭ ĉio pri la rikolto de la venonta jaro. Do, en la lasta tago de la jaro, la 31an de decembro, junaj knaboj pretigas malgrandan plugilon, ornamas ĝin per divers-koloraj rubandoj kaj vizitas sam-vilaĝanojn kantante kaj deklamante poemojn, ligitajn al tiu ĉi evento, dezirante sanon, feliĉon kaj bonan rikolton en la venonta jaro. Dume, du-tri junuloj klakas per longa vipo.

La dommastro kaj lia familio senpacience atendas kaj volonte akceptas la bon-dezirojn. Ili regalas la grupeton per kukoj, diversaj dolĉaĵoj.

Tiu kutimo varias laŭ regionoj de la lando.

31 DECEMBRO – 1 JANUARO

n multaj vilaĝoj la loĝantoj renkontiĝas en iu domo, kie la junuloj kantas kaj dancas, la maljunuloj sidas flanke kaj interparolante rememoras pri sia juneco.

La tradicio diras, ke en tiu nokto la brutoj paroladas inter si, sed ne estas rekomendinde aŭskulti ilin.

lia tradicio asertas, ke en tiu ĉi nokto malfermiĝas la ĉielo por palpebruma tempo, sed vidas tion nur senkulpaj homoj.

En iu parto de la lando en tiu ĉi nokto la dommastro plenigas glasojn aŭ kulerojn per akvo por ĉiu familiano, metas ilin sur la tablon. En la venonta tago kies akvo malkreskis kompare al la aliaj membroj, al tiu okazos malbonaĵo en la jaro.

La rumana popolo konservas ankaŭ aliajn kutimojn de tiu nokto, nomata Sankta VASILE (ofta vir-nomo).

*Eugenia-Ecaterina Popoviĉiu, Rumanio*

*Ĉi-okaze mi proponas al niaj legantoj kaj kunlaborantoj serĉi diversajn fabelojn, legendojn, kutimojn pri sia propra popolo kaj publikigi ilin en nia revuo. Post kelka tempo ni havos interesan kolekton da tradiciaĵoj el la tuta mondo.*

***La redaktoroj decidis malfermi novan rubrikon por tiu interesa temo. Rakontu ankaŭ vi kaj sendu la verketon al ni. Ni ĉiuj estas sci-volemaj.***

*aserti:* diri rekte sen ajna dubo / *deklami:* laŭt-voĉe prezenti versaĵon / *evento:* okazaĵo / *klaki:* estigi subitan bruon / *palpebro:* haŭto kiu kovras okulon / *palpebruma:* tre rapida (parolante pri tempo) / *rubando:* bela ornama bendo / *vipo:* bastono kun longa ŝnurego; pelilo de bovistoj kaj ĉevalistoj.

# humuro

## Edzo kaj edzino



Sonoris telefono.

„Bonvolu, edzinjo, preni la telefonon," diris la edzo al la edzino. „Kaj se oni deziros min, diru: 'Mi tre bedaŭras, sed mia edzo ne estas hejme.'"

La edzino prenis la aŭd-parolilon kaj post ioma aŭskultado diris:

„Mi tre bedaŭras, sed mia edzo estas hejme..."

„Diable! Mi avertis vin, kion vi devas diri!"

„Karulo," diris trankvile la edzino, „oni deziris ne vin."

## Fanfaronulo



*Iam ĝardenisto kaj kaldronisto preteriris ĝardenon, kie kreskis brasikoj.*

*„Rigardu," diris la kaldronisto, „kiel grandaj brasikoj."*

*„Ne estas mirinde," respondis la ĝardenisto, „foje mi kreskigis brasikon grandan kiel domo."*

*„Ĉio povas okazi," diris la kaldronisto. „Foje mi faris kaldronon grandan kiel preĝejo."*

*Ekridegis la ĝardenisto.*

*„Kia fanfaronulo vi estas," li diris, „vi mensogas kaj ne ruĝiĝas! Mensogu, sed sciu mezuron. Nu, diru: por kio oni bezonus tiel grandan kaldronon?"*

*„Por kuiri vian grandan brasikon," respondis la kaldronisto.*

El *Estonaj popolaj rakontoj*

*fanfaroni:* tro fieri pri sia ago / *kaldrono:* grandega kuir-vazo en formo de duon-globo.



Solvo de „divenludu vortojn" (p.14): *Vi estas lerta.* Enigma spiralo (p.15): *Tammsaare*

# KVIZO POR LUDO PLEZURO

## REGULARO por la jaro 2005

1. La konkurso konsistas el 3 turniroj (ĉiu kvizo estas redaktata kaj ĵuriata de kunlaboranto el malsama lando), sed eblas partopreni ankaŭ en 1 aŭ 2 turniroj.
2. Konkursantoj partoprenas individue aŭ grupe (G). Grupo elektu por si mallongan nomon.
3. Konkursanto mem elektas por si kategorion laŭ sia lingvo-scio: A = komencanto(j), B = progresinto(j).(Dum la konkurs-jaro la elektita kategorio ne estas ŝanĝebla.) Konkursi en ambaŭ kategorioj ne estas permesate.
4. Solvoj estas akceptataj elektronike aŭ papere ĝis la lim-dato.
5. Kiu varbas novan konkursanton, tiu ricevas 3 krompoentojn, kondiĉe ke kune kun la solvoj la varbinto sendas la nomon de la varbito.
6. Post la tria turniro la plej bonaj konkursantoj de ambaŭ kategorioj estos premiitaj per jarabono al Juna Amiko por 2006.

***Sciu krome, ke...***

- *la kvizoj aperas ankaŭ en nia retejo:* www.lernu.net/juna_amiko/regularo.php
- *la ĝustaj solvoj kaj la nomoj de sukcesintoj aperas en la supra retejo kaj en la sekva numero de la revuo.*
- *Ĉiu solvo-folio surhavu la legeblan(!) nomon de la konkursanto, la poŝt-kodon de ties hejm-lando (DE, CZ, GB, BR...), la kategorion: A aŭ B (kaj la signon G, se konkursas ne individuo, sed grupo).*

### Gajnintoj de la jaro 2004

*Kategorio B*

**Rafaela Pušić, HR 75 poentoj**

*Kategorio M*

**Krystyna Hawlena, PL 112,5 p.**

*Kategorio S*

**Lenče Efremova, MK 117 p.**

*Grupoj*

**Ursourbo, HR 76,5 poentoj**
**Metsäkylä, FI 65,5 p.**
**Suduva/Marijampole, LT 60 p.**

### La unuaj en n-ro 4/04

*Kategorio B*

**Ivan Stanković, HR 26 p.**

*Kategorio M*

**Krystyna Hawlena, PL 30 p.**

*Kategorio S*

**Maria Molnár, HU 30 p.**
**Lenče Efremova, MK 30 p.**

*Grupoj*

**Grupo de Jindriska, CZ 28 p.**
**Mezlernejo J.T., LT 30 p.**

## POR KOMENCANTOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1 | Korektu la frazojn: *Mi ankoraŭ ne havis legi tiu libro. Al la muro pendas bela bildo. Mi trinkis glaso akvon.* | 3 poentoj |
| 2 | Nomu ses objektojn, kiujn vi bezonas en la lernejo (sed ĉiu havu alian komencan literon). | 3 poentoj |
| 3 | Skribu tri frazojn, kiuj enhavas prepozicion *laŭ*. | 3 poentoj |
| 4 | Diru per unu vorto: *laŭte dormi, pasi en aero, perdi la vivon, veturigisto de aŭtomobilo* | 4 poentoj |
| 5 | Ŝerca demando! Kiu besto ŝanĝas sin en monon, kiam ĝi kunestas kun alia sam-speca? | 3 poentoj |
| 6 | En kiu lingvo aperis la *Unua libro* de Zamenhof en la jaro 1887? Kiom da jaroj li havis tiam? | 4 poentoj |

## POR PROGRESINTOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1 | Skribu ses frazojn, kiuj enhavas po unu el la jenaj vortoj: *ruĝiĝi, ruĝigi, pleniĝi, plenigi, sekiĝi, sekigi* | 3 poentoj |
| 2 | Skribu horloĝ-indikon *9,15'* almenaŭ laŭ tri diversaj manieroj. | 3 poentoj |
| 3 | Nomu ses esprimojn, kiuj rilatas al futbalo. | 3 poentoj |
| 4 | Kun *d* mi loĝas ĉe Balta maro. – Kun *l* ĝi estas de ŝaf' hararo. Skribu unu similan rimaĵon. | 4 poentoj |
| 5 | Kion signifas la frazeologiaĵo: *solvi la Gordian nodon* ? | 3 poentoj |
| 6 | La 24an de marto ni memoris faman francan verkiston, kiu laŭdire havis ankaŭ rilaton al Esperanto. **a)** *Pri kiu temas?* **b)** *Kiu dat-reveno estis?* **c)** *Nomu almenaŭ kvar el liaj verkoj.* | 4 poentoj |

Sendu la solvojn al *Dieter Berndt, Berolinastr. 2, D-10178 Berlin, Germanio* aŭ retpoŝte: *esperanto-berndt@web.de* .

### Solvoj

**1**. littuko, kuseno, peplomo, matraco, plejdo* **2**. dormig(il)o, endormiĝi, dormejo, tradormi, sendorma, dormeg/eti, maldormi, ekdormi **3**. Je la sesa kaj kvarono* **4**. bebo-liteto, naskiĝejo **5**. Budapeŝto estis lia naskiĝejo (literatura) **6**. nokta ripozo; dormo-filmeto **7**. revo; timiga prem-sonĝo **8**. Dormus leporo, se ĝi ĉason ne timus. **9**. …fortan boacon tirbesto **10**. Finnlando **11**. stato de bestoj (ekz. urso), kiuj tradormas la tutan vintron.

# Diven-ludu vortojn!

## POR KOMENCANTOJ

_ _ _ _ _ _ * kovrilo sur homa korpo kun komenca 'v'

_ _ _ _ _ _ oni faras tion per okulo

_ _ _ _ _ _ per mano movi ion al si kun komenca 'p'

_ _ _ _ _ _ ĉef-homo, kiu diras, kion fari; ĝi estas ankaŭ vort-farilo

_ _ _ _ _ _ vazo, el kiu oni trinkas lakton, kafon, teon...

_ _ _ _ _ _ komenca parto de tago

_ _ _ _ _ _ mal-unua en vico

_ _ _ _ _ _ neĝo-kolora

_ _ _ _ _ _ la plej ofta i-vorto en Esperanto

_ _ _ _ _ _ tra buŝo fluigi akvon, lakton, sukon en ventron

_ _ _ _ _ _ ĉarma hejm-besto, kiu miaŭas

_ _ _ _ _ _ muzike paroli

**Ne ĉiuj vortoj konsistas el ses literoj*

*Kiam vi divenis ĉiujn vortojn, legu de supre po unu literon, tamen ne rekte (kiel kutime), sed zigzage. Se vi bone solvos, vi venos al frazo.*

*Nu, ĉu vi trovis la kaŝ-frazon? Se ne, rigardu ĝin sur paĝo 11.*

*A.H.Tammsaare*



## Najtingalo kaj floroj

En bela printempo sur herbejo kantis najtingalo. En la sama printempo ek-floris tie ankaŭ floroj.

Kaj kiam la najtingalo vidis la belajn florojn, ĝi pensis:
„Nur tial ili floras tiel bele, ke mi kantas."
Kaj la najtingalo kantadis pli bele.
Sed la floroj, kiuj aŭdis la kantadon de la najtingalo, pensis:
"Nur tial ĝi kantas tiel bele, ke ni floras."
Kaj ili floradis pli bele.



*El la estona tradukis:* Jaan Ojalo, Estonio

*(Memore al nia kara samideano Jaan Ojalo, kiu mortis pasint-jare.)*

# Enigma spiralo

Sekvante la numerojn, skribu en la spiralo la vortojn kun jenaj signifoj:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |
| 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 8 |
| 23 | 40 | 41 | 42 | 43 | 30 | 9 |
| 22 | 39 | 48 | ★ | 44 | 31 | 10 |
| 21 | 38 | 47 | 46 | 45 | 32 | 11 |
| 20 | 37 | 36 | 35 | 34 | 33 | 12 |
| 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 |

1-7 La plej malgranda unuo de socio
3-9 Dekoble cent-mil
8-15 Antaŭdecembra
13-19 Glob-forma legomo el folioj
17-21 Ortodoksa pentraĵo pri sanktulo
20-23 Moderna
22-26 Larĝa en ĉiuj direktoj
24-31 Granda sportejo
30-35 Diri laŭ-vice: 1, 2, 3, 4, 5 ...
33-37 Forte reĵeti lumon
36-40 Mult-paĝa presaĵo kunigita
39-45 Mam-besto en arkto
42-48 Malebena mar-supraĵo

Kiam ĉio estas ĝuste solvita, prenu la literojn de la sekvaj kvadratetoj:

**25, 2, 12, 32, 24, 15, 43, 34, 11**

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | |

Vi ricevis la nomon de la nacia verkisto de la estonoj. Kiu li estas?

*Kontrolu vin laŭ la paĝo 11.*

## *Trafaj esprimoj kun NAZO* (*Riĉigu vian lingvo-scion!*)

vidi nur ĝis la pinto de sia nazo = ne esti kapabla ion antaŭvidi
havi bonan nazon = ĝuste antaŭsenti ion
foriri kun longa nazo = pro elreviĝo, senesperiĝo
ŝovi la nazon en fremdan vazon = enmiksi sin en fremdan aferon
konduki iun je la nazo = laŭ sia kaprico
teni la nazon supren / alte = esti fieraĉa
kuntiri la nazon = pro malplaĉo
sur la nazo estas skribite = lia / ŝia opinio ne estas kaŝebla

# INVITO AL TUTMONDA ESPERANTA FABEL-KONKURSO

## Jen okazo verki fabelon

# NE PRETERPASU LA OKAZON!

Päätalo-instituto estas kultura-literatura centro en Taivalkoski, Norda Finnlando, nomita laŭ *Kalle Päätalo* (1919-2000), eminenta verkisto naskiĝinta en Taivalkoski. Inter ĝiaj agadoj estas fabel-konkurso por finnaj infanoj ekde 1993, la plej prestiĝa tia konkurso en Finnlando.

En 2000 la instituto aldonis al la konkurso Esperanton. En tiu ĉi jaro ĝi okazos jam la sesan fojon.

***Kategorioj:*** **A**) infanoj ĝis 8-jaraj, **B**) 9-10-jaraj kaj **C**) 11-13-jaraj.

*La konkursaĵoj devas esti verkitaj originale en Esperanto de individuoj aŭ de grupoj (ekz. lernejaj klasoj). En la skribado aŭ tajpado plen-kreskulo rajtas helpi laŭ sia konscienco. Individuaj kaj grupaj konkursaĵoj estos taksataj aparte.*

La ĵurio aprezas precipe fabelecon kaj originalecon. Fabelo estas mallonga (1-5 folioj) rakonto, ligita al la infana mondo, karakterizata de sorĉeco, mistero kaj supernaturaj okazaĵoj, kiuj kreas etoson fascinan al infanoj. Rakonto kun temo el la reala mondo, eĉ se lerte verkita, ne estas konsiderata kiel fabelo.

*La rezultojn oni publikigos sam-tempe kun tiuj de la finna konkurso, la **18an de oktobro**, kiam finnoj festas la tagon de Satu (finna vorto por fabelo). En ĉiu kategorio estas principe tri premioj. Unu el la gajnintoj de la unua premio ricevos ankaŭ la ĉefpremion Fabelo Internacia.*

Oni sendu la konkursaĵon poŝte kaj ili alvenu plej laste la **15an de septembro 2005** al la adreso:

***Päätalo-Instituto***
***Fabelkonkurso***
***PL 39***
***FI-93401 Taivalkoski***
***Finnlando***

*Oni uzu kaŝ-nomon kaj menciu, ĉu temas pri grupo aŭ unuopulo. La nomo, adreso, naskiĝ-dato kaj (se eblas) telefonnúmero aŭ ret-adreso de la konkursanto troviĝu en aparta koverto.*

Pli da informoj donas la komisiito pri la konkurso:

***S-ino Aini Vääräniemi***
***Vääräjärventie 26 A***
***FI-93590 Vanhala, Finnlando***
Rete: ***aini.esp@pp.inet.fi***

Fabeloj, premiitaj en antaŭaj jaroj, estas legeblaj en: *http://www.taivalkoski.fi/paatalo-instituutti/esperanto.htm*

*fascini:* fortege kapti ies animon / *originala:* ne tradukita / *prestiĝa:* elstara kaj fama, vaste konata.



# Hundo kaj koko



*(Afrika fablo)*

Estis hundo kaj koko, kiuj konatiĝis. Iun tagon la hundo diris al la koko: “Ni iru viziti mian fratinon.”

La sekvan tagon ili ekiris. Survoje la koko petis pardonon pro bezono fari ie flanke necesaĵon.

Tie, sub arbusto li trovis kadavron. Li manĝis ĝin kaj satiĝis. La hundo daŭrigis la vojon kaj alvenis al sia fratino. Tre ĝoja la fratino preparis por la gasto ion por manĝi. Dum ŝi kuiris, la hundo diris: “Metu la viandon sub la rizon, por ke mia amiko koko, kiu venos post mi kaj kiu ne manĝas rizon sen viando, malakceptu la inviton.”

La satega koko baldaŭ alvenis kaj helpis prepari la tablon. Kiam ĝi estis preta, la koko diris: “Ĉio estas en ordo por mia amiko hundo. Bon-volu manĝi sen mi.” Tiam la hundo ridetis kaj formanĝis la tutan manĝaĵon.

Irante hejmen la hundo fanfaronis al la koko: “Sciu, ke sub la rizo estis viando.” La malkontenta koko sia-vice reciprokis jene: “Kiam mi iris flanken por min malpezigi, mi trovis grandan kadavron, per kiu mi plen-ŝtopis min. Tial mi ne manĝis la malbon-gustaĵon de via fratino.”

Aŭdinte tion la hundo koleriĝis. De tiu tempo la hundo estas ĵaluza kontraŭ la koko. Ili disiĝis. La hundo komencis la serĉadon, sed ĝis hodiaŭ ne trovis kadavron. Kaj la koko ĝis hodiaŭ skrapas la teron por trovi sub ĝi viandon.

..............

Jen pro tio hundo paŝadas malrekte kaj koko skrapas teron.

Esperantigis: *B.Mudole-Guerschon, Zimbabvo*

*arbusto:* arbeto sentrunka / *fablo:* fabelo, en kiu la herooj estas bestoj / *ĵaluza:* envia pro ies sukceso / *kadavro:* korpo de mortinta homo aŭ besto.

# LUME

LA UNUA MIRINDA ETAĜO

**Ligu ka bildojn kun la strofoj!**










## Tag-ekaj blekoj

Keyhan Sayadpour, Irano

❶
"Kokeriko-ko, kokeriko-ko",
la koko kokerikas,
Kaj matene vilaĝanojn vekas.

❷
"Kluk kluk, kluk kluk", la kokino klukas,
Kaj siajn kokidojn al la nest' kondukas.

❸
"Boj boj, boj boj", la hundo bojas,
Kaj pro bongusta osto ĝojas.

❹
"Ia, ia, ia, ia", la azen' iaas,
Kaj aeron per la vost' balaas.

❺
"Muĝ; muĝ, muĝ; muĝ", la bovo muĝas,
Kaj pro varm' sub arb' rifuĝas.

❻
"Be be, be be", la ŝafo beas,
Kaj la ŝafiston jam obeas.

❼
"Kvivit, kvivit, kvivit", la paser' kvivitas,
Kaj proksimiĝi al la kat' evitas.

❽
"Miaŭ, miaŭ, miaŭ;" la kato miaŭas,
Kaj antaŭ ol dormi – al ni adiaŭas.

konduki: gvidi
pasero: birdeto
eviti: provi ne fari
obei: respekti ordonojn
rifuĝi: iri al sekura loko
adiaŭi: ĝis revidi
kviviti: soni kiel birdo
miaui: soni kiel kato

# Helpu la kuniklon!






Kuniklo Mopsi estas tre ludema kunikleto. Ĝi decidis ĉi-jare inventi novajn ovo-motivojn. Sed dum ĝi iris manĝeti iom da karoto, ĝi tute forgesis kiu litero apartenas al kiu signo...

Ĉu vi povus helpi ĝin? Eble estos pli facila la laboro, se vi kolorigos la ovojn per diversaj koloroj...

La bondeziron de la dankema Mopsi vi povas legi en la subaj ovoj, se vi lerte trovis la ĝustajn literojn. Ek al la laboro!



Monika Molnár, Hungario

# LUDE

LA UNIKA DUA ETAĜO

## Kvar aŭ kvin manĝaĵoj?

Pri kiu manĝo ni dubas?

Pretigis: smg



Solvu la enigmon, poste skribu la literojn en la kestojn de la sekreta frazo sube, laŭ la numeroj. Ekzemple: en la unua kesto vi skribos la literon kiu aperas en la enigma kvadrato kun numero 2.



Sendu viajn solvojn por partopreni en premia loterio.

### Horizontale →

2. Oslo estas ____ ĉefurbo de Norvegio.
4. Abeloj vizitas _______ kaj prenas nektaron.
7. Manĝaĵo farita el lakto. Musoj ŝatas ĝin.
8. La sepa planedo.
9. Manĝaĵo: oranĝkolora legomo, ŝatata de kunikloj.
10. Popolo, hom-grupo.
11. La dekkvina litero.
12. Ne poste, sed ______.

### Vertikale ↓

1. "________ estontecon havas ni!"
2. _________ teritorion. (Homoj baldaŭ okupos ĝin kaj konstruos domojn.)
3. Membro.
4. Manĝaĵo kiu kreskas sur arbo aŭ arbusto.
5. Ruĝan marbeston. Oni ĝin manĝas. Ne estas fiŝo.
6. Besto kiun tradicie manĝas francoj.
10. Komencu!



Sekreta frazo: Por ĝui manĝan plezuron, kion vi faru?

| L | E | K | U | | F | R | A | Z | O | N |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 2 | 10 | 11 | 8 | | 7 | 6 | 3 | 1 | 5 | 12 |



# La piramido

Vi, kaj la aliaj el la grupo iras al piramido, por ke vi malkovru ĝin. Ĉirkaŭ vi estas tri homoj: Karlo, la maljuna, okulvitra sciencisto, Sandra, la ridetanta kaj beleta virino, kaj Roberto, la granda, blonda, kaj kuraĝa viro. Vi babiladas.

- Ho! Mi eĉ ne povas kredi, ke mi iras al tia piramido! – diris Sandra.
- Jes, tio estas granda piramido. Ramses la dua konstruis ĝin, en la sepa jaro de sia rego, – diris Karlo.
- Oni diras, ke estas malbeno sur la piramido, sed min nenio timigas!
- Rigardu, rigardu! La mumio, tie venas!!!! – kriis Sandra.
- AAAA! Kie, kie? – demandis timigite Roberto.
- Nenie, mi nur ŝercis. Ha ha, vi, ja timis!

Vi veturas en aŭto, kaj post kelkaj minutoj vi jam estas ĉe la enirejo. Vi vidas skeletojn ĉirkaŭ ĝi. Kaj sur la pordego estas iu skribaĵo:

> *Ramses la dua, en la kvina jaro de sia rego, konstruis kvin piramidojn.*
> *Li bezonis precize kvin ŝipo-plenojn da ŝtonoj. Estis tri mezuroj*
> *de piramidoj: granda, meza, kaj eta. Granda bezonis du ŝipo-plenojn ,*
> *meza duonan, kaj eta kvaronan ŝipo-plenon.*
> *Ramses la dua, en sia kvina jaro*
> *konstruis kiom da piramidoj sam-grandaj kiel ĉi tiu?*
>
> *I II III*
>
> *Respondu ĝuste, kaj vi rajtos pasi.*
> *Respondu malĝuste, kaj mia malbeno vin tuŝos*

Ĉu vi povas helpi al la kuraĝaj esploristoj? Trovu la ĝustan respondon kaj sendu ĝin al mi antaŭ la apero de la sekva numero, por ke la aventuro pluiru: Hajnal MacGill, Lajos u. 47a-3-1, HU-1036 Budapest, Hungario.

# Kio spegulas la veron?

Du policistoj promenas sur la strato. Unu el ili trovas speguleton sur la tero. Li rigardas al ĝi, kaj diras:

— Mi jam vidis tiun ĉi sinjoron!

La alia alprenas la speguleton, kaj skoldas sian kunlaboranton:

— Idioto vi estas, tiu ĉi ja estas mi!

La policisto portas la speguleton hejmen, kaj li metas ĝin sub sian kusenon. Sekvatage, lia edzino trovas la speguleton en la lito. Ŝi rigardas al ĝi, kaj grumblas:

— Mi jam sciis, ke li havas amatinon, sed mi ne pensis, ke ŝi estas tiom malbela!

*LAMAR Krisztian, Hungario*

**Vortoj:**
skoldi: kolere diri
idioto: malsaĝulo
kuseno: mola objekto sub la kapo en la lito
*grumbli: kolere murmuri*

En Hungario estas tradicio de policistaj ŝercoj.
En via lando, pri kiuj hom-grupoj oni ofte ŝercas?
Aliaj legantoj, kial ankaŭ vi ne sendu al ni ŝercon aŭ ion alian por aperigi?

# ALUMETO-FORMETO

Forprenu kvar alumetojn, tiel ke restu precize kvar kvadratoj.



Forprenu du alumetojn, tiel ke restu precize du kvadratoj.



Respondoj en la sekva numero.
Premioj por bonaj respondoj!

(kompilis SMG)

# Ĉu vi rekonas la rakonton?

En kiu infan-rakonto aperas rideto sen kato, rolas grandiga kuko, malgrandiga trinkaĵo, kuras blanka kuniklo kun vestaĵoj kaj granda poŝ-horloĝo, kriante "Mi malfruas! Mi malfruas!". Eble vi iam legis tiun libron? En ĝi rolas ankaŭ ruĝa kaj blanka reĝinoj; oni ludas kroketon per erinacoj kaj kroketoj, kaj sidas kune en la te-festo de la freneza ĉapel-faristo.



La libro estas plena je vortaj ŝercoj, kun ankaŭ logikaj kaj matematikaj enigmoj, ekzemple dum la te-festo:

- Prenu pli da teo – la marta leporo diris al Alico, tre fervore.
- Mi ankoraŭ prenis neniom! – Alico respondis per tono de ofendiĝo, – do mi ne povas preni pli.
- Pli ĝuste, vi ne povas preni malpli – diris la Ĉapelisto, – estas tre facile preni pli ol neniom.

Kaj tra la verko aperas deko da malfacile tradukeblaj poemoj:

| | |
|---|---|
| Ĉar jen la eta krokodil'<br>Beligas sian voston,<br>Kaj verŝas akvon de la Nil'<br>Sur ĉiun oran oston! | Feliĉe sonas lia rid'<br>Por kaŝi lian celon,<br>Kaj fiŝoj do kun-plena fid'<br>Transnaĝas la makzelon! |

La libro estas kompreneble la mondfama *Alico en Mirlando*, kiun verkis Lewis Carroll (plum-nomo de Charles Dodgson, angla matematikisto el la dekoka jarcento).

Kaj nun, tiu klasika infan-libro aperis en Esperanta versio. La tradukon faris Donald Broadribb el Aŭstralio, kaj eldonis ĝin la eldonejo Sezonoj en Kaliningrado. La libro havas 80 paĝojn kaj dekon da originalaj ilustraĵoj de John Tenniel. Vi povas aĉeti la verkon (kaj ankaŭ la duan volumon *Trans la Spegulo*, ĉe libroservo en via lando aŭ ĉe UEA.




Mi povas bicikli.
Ĉu vi povas bicikli?
Sen faloj aŭ kun faloj?
Ĉu mi instruu al vi bicikli?
Mi ne povas kunmeti televidan antenon.
Mi ŝatas kanti!
Aŭskultu mian kanton!
Renkontu kun mi
Por amuzo kaj pli!
Se rendevuo
Ĉe fama statuo
- Venus de Milo -
Venus Emilo!
Ĉu bona kanto? Nu, mi havas bonan amikon. Li similas al mi. Mi atendas lin. Li malfruas. Tre malfruas. Kial mi rigardas mian horloĝon?
Prefere mi rigardu kalendaron. Li alvenos nur post kvar monatoj. Vi renkontos lin tiam.
AŬG
Ĉu vi jam divenas lian nomon? Pensu! Ĝis!

# interkultura mondo



Rubrikestro:
Elena Nadikova
Lernejo/Ŝkola 55, Klaso 7 A,
str. Leninskogo Komsomola 54,
RU-428037 Ĉeboksari, Rusio.

<lena_espero@mail.ru>




Bonvenon al la mondo de interkulturo!

Ĝi ligas grupojn el ĉiaj kulturoj, el diversaj kontinentoj kaj kun bunto da lingvoj.

**Ne manku vi!**

Legu sur la sekvaj paĝoj kion la projekto ofertas al vi, kiel vi povas aliĝi al ĝi kaj kiel via grupo povos aktive partopreni!

# Interkulturo — kio ĝi estas?

Ĉiu scias, ke sur la tuta grandega terglobo ne estas du samaj homoj. Ni loĝas en multnacia kaj multkultura mondo. Ofte, reprezentantoj de diversaj kulturoj ne povas (aŭ simple ne volas) kompreni unu la alian. "Ili estas ne tiaj, kiel ni, sekve, malbonaj," — tiun frazon eblas aŭdi de tempo al tempo eĉ de infanoj.

Ĉio tio ne povas ne maltrankviligi. Ni vidas, kiel kreskas la ondo de perforto kaj netoleremo inter la homoj sur nia planedo. La mondo hodiaŭ estas disdividita per limoj ne nur teritoriaj, sed ankaŭ naciaj, kulturaj, kaj religiaj. Kiel resanigi tion? Kiel helpi ilin al zorgema, atentema rilatado inter si; al estimo de fremdaj moroj kaj opinioj? Al tiuj ĉi demandoj respondas la projekto "Interkulturo", realigita per la Internacia Ligo de Esperantaj Instruistoj (ILEI) kune kun TEJO kaj UEA. Ĝi estis lanĉita en 1998. La ĉefa celo de la projekto estas interkultura edukado de homoj pere de Esperanto. Tio ĉi signifas, ke ĉiu homo sur la tuta terglobo, sendepende de limoj, povos

- rakonti pri si, siaj amikoj, siaj okupoj kaj hobioj;
- "malfermi" al la mondo sian landon, montri, kia belega kaj neripetebla ĝi estas kaj eĉ... inviti al si por gasti, kvankam virtuale;
- trovi amikojn kun diversaj konvinkoj, emoj kaj haŭt-koloroj, sed ĉiam egale karaj kaj afablaj por la koro;
- priparoli maltrankviligajn demandojn kaj dubojn, kaj proponi siajn ideojn por enkorpiĝo en pli grandaj kaj noblaj planoj;
- viziti, se nur pense, la plej forajn anguletojn de la terglobo kaj ekscii multon novan kaj interesan pri popoloj, loĝantaj tie;
- kaj ankaŭ (atentu, amantoj de aventuroj!) konkuri unu kun alia (kaj, kompreneble, havi ŝancojn ricevi premiojn).

La projekto Interkulturo konigas nin kun vivo kaj kulturo de aliaj landoj, malfermas novajn kaj foje surprizajn flankojn de la vivo de tiu aŭ alia popolo, ebligas interŝanĝi opiniojn, sciojn, sperton pri la plej diversaj temoj kaj eduki nin pozitive rilati unu al alia.

Ankaŭ IK ebligas al ni praktikan uzadon de nia lingvo (ĝi estas ja Esperanta projekto). Lingvolernado same estas grava celo de IK.

*Juna Amiko* jam skribis pri la projekto (vidu numerojn 107, 110). Kiel arda apoganto de IK, la revuo regule aperigos informojn pri ĝi. Nia nova rubriko *Interkultura Mondo* celas disvastigon de IK inter legantoj de JA; ĝi donas fenestron al la projekto; ĝi estas nia maniero akcepti grupojn kiuj ne havas aliron al komputiloj aŭ la interreto.

***Do, ni malfermu al la mondo mondon! Bonvenon al Interkulturo - kaj en Interreto kaj sur la paĝoj de JA!***

## *Ni prezentas la prezentojn*

Grava parto de la hejmpaĝo de Interkulturo vidigas prezentojn de la grupoj. Iru al 'Prezentoj' sub 'Rezultoj' kaj tie troveblas:

1. ***Niaj popularaj libroj***, kie vi povas legi pri Pippi Ŝtrumpolonga el Svedio, Donja Barbara el Venezuelo, Kobzar el Ukrainio, Narspi el Ĉuvaŝa Respubliko kaj Princino-rano el Rusio.
2. ***Nia urbo***, kiu invitas vin viziti Beogradon en Serbio kaj Montenegro, Lucjk en Ukrainio, Mola di Bari en Italio kaj urbojn Ĉeboksari kaj Novoĉeboksarsk en Ĉuvaŝa Respubliko de Rusio.
3. ***Fabeloj de la mondo***, kie vi povas ĝui belegajn fabelojn de diversaj popoloj: "Kiel ekestis talpo", "Cindrulino" (en la serba buŝa letero); "Neĝulino", "Junulino sur la luno".
4. ***Legendoj pri kreado de la Universo***, kie vi ekscios, kiel ekestis suno, luno kaj steloj; tondro, fulmo kaj ĉielarko.

***Ne forgesu ankaŭ pri nova diskuto, kiun lanĉis* Juna Amiko *aŭtune (vidu paĝon 3 de numero 110, septembro 2004).***

# Pippi – novspeca infanlibra heroo

**Kiel ekzemplo de la ret-paĝa enhavo, jen la prezento pri sveda infanlibro en la temo: Niaj popularaj libroj.**

Ĉu vi scias Pippi Ŝtrumpolonga? Eble, jes! "Ŝi estas la plej gaja kaj malobeema knabino en la tuta mondo", diros vi ,kaj vi estos absolute pravaj! Tamen ĉu vi scias, ke Pippi estas la unua libro-heroo, kiu montris, ke ***infanoj*** tute ne ĉaim estas obeemaj ĝentiluloj, kiuj devas ĉiam aŭskulti plenkreskulojn kaj esti plene dependaj de ili, sed ***personecoj kun propra kartaktero*** kaj same multe da kapabloj, pensoj, fantazio kaj memstareco kiel plenkreskuloj.

Krome Pipi estis la unua vere populara kaj nekutima **knabina karaktero** en literaturo. Antaŭ ŝi knabinoj ĉiam estis prezentataj kiel ĝentilaj estaĵoj, kiuj ne rajtas petoli kaj aŭ esti sendependaj.

Sed ĉio ŝanĝiĝis kun la apero de Pipi! Ŝi estis la unua ekzemplo de tio, ke knabinoj (kaj virinoj ĝenerale) povas esti same amuzaj, kuraĝaj, fortaj kaj sendependaj, kiel knaboj. Per tio Pipi kontribuis al antaŭenigo de ***egaleco de virinoj***. Pluraj generacioj de svedinoj kaj alilandaj virinoj kreskis havante Pipi kiel sian idealon.




***Tiel deklaras la grupo* translalimoj.**
***Ĉu vi konsentas?***

# Interkulturaj lokoj

Vizitu la hejmpaĝon <www.interkulturo.net>. Sub ***Rezultoj*** vi vidos verkojn de grupoj (kiel sur la sekva paĝo). Sub ***Forumo*** vi povas legi diskuto-mesaĝojn kaj konversaciojn. Se vi anoncas vin aŭ vian grupon al la projekto, ankaŭ vi povos diskuti. Kaj sub ***Kvizo*** vi povas testi kiom inteligenta vi estas, aŭ kiom vi mem estas persono kun interkultura pens-maniero.

*Iru esplori, zumi, zigzagi, kaj krozi tra la paĝaro!* *Agrablajn malkovrojn!*

# Saluta kaj sinprezenta letero

*Skribas al vi la grupo "Betuleto" el Rusio el urbo Ĉeboksari. Ni estas 11 ĝis 13-jaraj en la oka klaso de mez-lernejo kaj ŝatas studi Esperanton.*

Ekde aŭtuno de la 2003-a jaro ni partoprenas en la projekto "Interkulturo" kaj jam sukcesis ekscii kaj fari multon interesan. Ekzemple, ni partoprenis en parolado pri libroj popularaj en la tuta mondo kaj mem tradukis en Esperanton mirindajn rusajn kaj ĉuvaŝajn popolajn fabelojn kaj legendojn (ni loĝas en unu el la naciaj respublikoj de Rusio - en Ĉuvaŝa Respubliko). Ni rakontis al homoj pri nia urbo kaj konatiĝis kun aliaj urboj de la mondo; partoprenis en la libra kvizo kaj montris kelke da spektakloj por nia lernejo kaj por ĉiuj ĉeboksaraj esperantistoj (dum nia "Arta semajnfino" kaj Festivalo de Hungara Kulturo). Ni konatiĝis kun interesaj homoj kaj preparis koncerton por la postkongreso de la Internacia Junulara Kongreso 2004. En nia urbo ĉeestis gastoj el diversaj landoj de la mondo.

Unuvorte, la projekto "Interkulturo" tre ŝanĝis nian vivon, faris ĝin pli interesa kaj alloga, helpis al ni trovi novajn amikojn en la tuta mondo, kaj lernigis al ni strebi al bono kaj kompreniĝado.

Nun ni prepariĝas por novaj interesaj aranĝoj, daŭrigas nian partoprenadon en la projekto kaj volas ekinteresi per ĝi geknabojn, kiuj same kiel ni, studas Esperanton kaj deziras trovi novajn amikojn. Estus bonege, ke infanoj de la tuta mondo amikiĝu kaj pli eksciu unu pri la alia. Tio helpos al ili fariĝi bonaj kaj atentemaj unu al alia. Ni estas loĝantoj de unu planedo, kaj de ni dependas, kia estos ĝia estonteco. Ni kredas, ke kune ni povos helpi fari la mondon iomete pli bona kaj malferma por ĉiu. Kaj, sekve, amikigi homojn kun la plej diversaj opinioj kaj moroj, kun malsamaj haŭt-koloroj kaj viv-manieroj. Juna Amiko estu nia bona helpanto en tio ĉi.

Ankoraŭ kune ni povos montri al homaro, kiel bonege tio estas, ke ekzistas tia simpla kaj mirinda komuna lingvo - Esperanto, kiu helpas homojn de diversaj nacioj senti sin necesaj kaj interesaj unu al alia. Tiam en la mondo estos pli da esperantistoj. Kaj nia bonega lingvo plu unuigos homojn en unuecan familion. Ni ĉiuj estas malsamaj, sed malgraŭ tio, ni havas multon komunan. Kaj Esperanto helpas kompreni tion.

*Grupo "Betuleto"*

# LASTE

LA ABSOLUTE SPEKTAKLA TRIA ETAĜO



# MAKULUL

*La suba fabelo de Karina MACGILL gajnis la premion "La Fabelo Internacia" en la jaro 2004. Ni prezentos ĝin en du partoj. Pri kio temas? Vidu la kovrilan bildon!*

Jam estis eta kobajo, Makulul, kiu vivis kune kun la patrino kaj la fratetoj en besto-butiko, meze de Bonaero. En apudaj kaĝoj estis multaj interesaj, ekzotikaj bestoj – fiŝoj, birdoj, mamuloj – ĉiuj, kiujn oni povas imagi. Foje Makulul komencis paroli kun papago. La papago estis tre malfeliĉa.

"Kial vi estas malgaja?" demandis la kobajo.

"Ne plaĉas al mi ĉi tiu loko. Mi volas iri hejmen."

"Ĉu ĉi tiu loko ne estas via hejmo?"

"Ne, kiam mi estis eta, mi memoras, ke mi ne loĝis ĉi tie malantaŭ kradoj, kaj ne ĉiam manĝis pomojn. Mi memoras, kiam mi flugis en la praarbaro kaj havis ĉiujn miajn plumojn. Estis tiom bone flugi inter lianoj kun aliaj bestoj. Kaj vi – de kie vi venis?"

Makulul pensis pri tio. Li povis nur respondi: "Mi ne scias." La kobajo laciĝis de tiom da rakontado kaj iris dormi.

La sekvan tagon la kobajo vidis, ke la serpento estas malfeliĉa. Ankaŭ li volis reiri al sia hejmo kaj viziti siajn amikojn. En la postaj tagoj li parolis kun la fiŝoj kaj eksciis, ke ili devenas de koral-rifoj. Sed kiam la bestoj demandis al la kobajo, de kie li venas, li devis respondi: "Mi ne scias."

Tiun tagon li jam ne povis dormi. Li demandis al Panjo: "De kie mi devenas?"

Panjo pripensis iomete kaj respondis: "Mi kredas, ke ni devenas de Peruo, sed mi konas neniun, kiu estis tie."

"Rakontu pri tiu loko!"

"Vi povas kuri libere... kien vi volas, manĝi kion vi volas, sed ĝi estis iom danĝera loko."

"Laŭ mi indas iri tien." Tiun nokton li sonĝis pri la praavoj kaj la inkaoj. La praavo vokis al li, ke li devas iri viziti siajn kuzojn kaj parencojn, ĉar ili havas problemon. Homoj detruis la arbaron, kie ili vivas.

"Vi devas veni kaj trovi por ili lokon, kie ili povos vivi", diris praavo.

La sekvan tagon li rakontis la sonĝon al Panjo. Ŝi diris, ke estos tre danĝere. Sed ŝi permesis al Makulul foriri, se li vere volas. La gefratetoj ne rajtis iri – li iros sola kaj promesu reveni.

Makulul atendis, ke la vendisto purigu la kaĝon. Li elpensis planon. Li komencis dismordi la plastan trink-botelon. La tuta akvo disfluis en la kaĝo. Ĉiu kobajo kriis kaj ŝrikis. La vendisto venis kaj vidis, ke li devas purigi ĉion. Li deprenis la kaĝon de la alta breto kaj transmetis la bestojn en alian kaĝon. Makulul, kiam estis lia vico, gratis la manon de la butikisto, kiu kun granda krio lasis lin.



### *Vort-klarigoj*

**Kobajo:** besteto de speco ronĝulo, kiu origine vivas en Sud-Ameriko. Vidu la bildon sur la kovrilo.
**Liano:** ĝangala planto simila al longa ŝnuro.
**Inkao:** popolo kiu vivis en Sud-ameriko antaŭ ol la alveno da blankaj homoj.
**Ekzotika:** malkutima
**Krado:** baraj stangoj
**Kaĝo:** besto-domo
**Mordi:** piki per dentoj
**Kamiono:** ŝarĝ-aŭto
**Ignori:** malatenti
**Kuzo:** filo de onklo/onklino
**Detruita:** tre malbon-stata
**Sorto:** (mal)bonŝanco
**Teritorio:** tereno, areo
**Alt-ebenaĵo:** alta plata loko

Li saltis teren kaj, vidante ke envenas aĉetanto, tuj kuris en la straton.

Li vagis en la urbo, manĝis kelkajn fruktojn kaj foliojn. Foje li aŭdis voĉon: "Ne! Ne! Ne metu tiujn kestojn tien! Ili devas iri al Peruo en tiu kamiono."

Makulul saltis, do, en la keston. Li vidis ke, feliĉe, ĝi estas plena je fruktoj kaj legomoj. Li sidis tie, manĝadis la fruktojn tra pluraj tagoj kaj noktoj – ĝis li perdis la senton pri tempo. Inter la bananoj li trovis ranon.

"Kion vi faras ĉi tie?" li demandis.

"Mi loĝis en banan-farmo. Kie mi nun estas? Mi estis enpakita. Kien ni iras?"

"Al Peruo – mi esperas" respondis Makulul: "Al alt-ebenaĵo."

"Ho, tie estos tro malvarme por mi."

"Do, ni forlasu la kamionon, kaj mi helpos al vi reiri hejmen."

La rano kaj la kobajo elsaltis, kiam haltis la kamiono.

Ili sin trovis ĉe granda bus- kaj kamion-stacio. La kobajo helpis al la rano trovi kamionon, kiu povos reporti lin al la bananfarmo. Ankaŭ Makulul devis trovi novan veturilon. Li ĉirkaŭvagis, kaj fine li vidis buson, kiu iras al Peruo. Li saltis en sakon de pasaĝero, kiu staris en vico. En la sako ne estis fruktoj, sed fotilo, monujo kaj vianda sandviĉo. Do, li esperis, ke la vojaĝo ne estos longa.

Fine de la veturo li havis kap-doloron pro la konstanta laŭt-parolila bruo en fremda lingvo – la angla. Li elrigardis. La loko ne aspektis kiel la sonĝo, sed fakte estis Peruo. Poste li vidis multajn kobajojn apud arbaro. Li elsaltis, ignorante la kriojn de la pasaĝeroj.

Li rakontis la sonĝon kaj priskribis la parencojn. La kobajoj diris: "Ni konas ilin. Ili loĝas en arbo-trunko en nia teritorio, ĉar la homoj forsegis ilian teritorion kaj ili perdis sian loĝlokon." La kobajoj kondukis Makululon al la familio.

Ili renkontis unu la alian. Unu el la kobajoj kriis: "Vidu, venis la kobajo el mia sonĝo, kiu gvidos nin al nova loĝloko, kie la homoj ne trovos nin."

"Ĉu ankaŭ vi sonĝis?" demandis Makulul.
"Jes, pri praavo."
"Ankaŭ mi."
"Kiel vi nomiĝas?"
"Roka."
"Ver-ŝajne vi estas mia kuzo. Ĉu via problemo estas serioza?"
"Venu rigardi", proponis la kuza kobajo.

Vere, Makulul vidis, ke ĉio estas detruita kaj restis nur stumpoj.

"Do, ni serĉu novan lokon." Sed kie? Makulul memoris, ke necesas alt-ebenaĵo. Li demandis al la kuzo: "Ĉu vi konas alt-ebenaĵon?"

"Jes, sed tiu loko havis saman sorton kiel la nia."

Ili devas, do, trovi alian altan lokon.

"Mi devas vidi la terenon de pli alte", decidis Makulul. Li rigardis supren kaj vidis tie...

*...Kion li vidis? Kiel tio helpos? Ĉu Makulul savos la kobajojn? Tion vi legos en la dua kaj lasta parto de la fabelo, en nia sekva numero.*

# Kongresu infane



Infanoj el multaj landoj venos kune kaj ĝuos komunan semajnon en arbara ripoz-loko, kun lago apude. Dume, iliaj gepatroj partoprenos en la 90a Universala Kongreso en Vilno, Litovio. La infanoj venos al la 36a Internacia Infana Kongreseto (IIK), kiu okazos samtempe kun la UK (julio 23-30), 36 kilometrojn oriente de Vilno.

Multaj ludoj, sporto, muziko, ekskursoj estos en la programo; ankaŭ teatraj kaj aliaj artaj spektakloj. Anoncis sin preskaŭ dudek infanoj el deko da landoj. Por pli da informoj, vizitu la hejmpaĝon de UEA: <www.uea.org> kaj rigardu sub la temo 'Kongresoj' aŭ skribu al *Juna amiko*. Ne malfruas ankoraŭ aliĝi!

*Otokar BATLIČKA*

# JUSTECO

Kvankam li estis jam pli ol 80-jara, li ĉiam akompanis min, kiam mi vizitis malgrandan urbon en Brazilo. Mi volis scii lian familian nomon, sed vane. Oni nomas lin simple Vincento.

„Ho, sinjoro", li ĉiam diris, „ankoraŭ ekzistas justeco en la mondo!" La sorto donis al li la rajton juĝi pri tio, ĉar li travivis la mal-gajan sorton de sklavo. Ne, li ne estis la sola. En Brazilo vivis miloj da nigruloj, kiuj multajn jarojn vivis en sklaveco.

Ni manĝis nian simplan tag-manĝon. Poste mi sidis apud Vincento kaj proponis al li tabakon.

„Ho, sinjoro, vi donacas al mi tabakon, certe vi ion volas de mi!"

„Jes, mi volas scii, kia estis via vivo, kiam vi ankoraŭ estis..."

„Vi, do, volas scii, kia estis la vivo de sklavo." Mi kap-jesis kaj la mal-junulo ekbruligis cigaredon, kiun li faris per siaj lertaj fingroj. Kaj li komencis rakonti:

„Tio dependis de tio, ĉe kiu vi vivis. Miaj gepatroj estis sklavoj de sinjoro Don Calla de Harrero. Tie oni vivis bone. La mastro estis bona. Li ne permesis, ke la gardistoj batu nin, kaj ankaŭ la manĝaĵo estis bona kaj sufiĉa. Sed kiam la filino de la mastro edziniĝis al la posedanto de la najbara plantejo, ŝi kunprenis ankaŭ kvin sklavinojn. Inter ili estis ankaŭ mia fratino Elva. Mi tiam estis 18-jara kaj la fratino 15-jara. Mi tre amis mian fratinon kaj petis la mastron, ke li ne donu ŝin al la najbara bienulo. Sed li ne atentis mian peton.

Foje, ni laboris sur kampoj. Estis rikolto de maizo. Mi laboris ĉe rando de arbaro. Subite ŝajnis al mi, kvazaŭ iu min vokus: Vincento! Vincento! Mi iris laŭ la voĉo kaj en la densa arbaro mi trovis mian fratinon. Ŝi timeme sidis ĉe arbo, kiel eta leporo. 'Kia-maniere vi venis ĉi tien? Kio okazis?' – Mi ne bezonis respondon. Sur ŝia korpo mi vidis postsignojn de vipo. – 'Kiu faris tion al vi? Kial?' – La gardisto batis ŝin, ĉar ŝi hazarde pied-premis skatolon kun alumetoj, kiu kuŝis sur la tero, kaj kiu apartenis al la gardisto.



Ŝi forfuĝis. Tio estis granda kulpo. Sklavon, kiu fuĝis de sia mastro, oni persekutis same kiel danĝeran beston. Mi ne hezitis eĉ unu minuton. Mi prenis ŝin je la mano kaj tiris ŝin en la ĝangalon. Ni kuris per ĉiuj

niaj fortoj. En la silento de la ĝangalo kelk-foje ni aŭdis la voĉojn de la homoj, kiuj persekutis nin. Posttagmeze la fratino jam ne havis forton por iri plu. Nian vojon baris rivero. Sed kio estis pli malbona, ni vidis multajn aligatorojn en ĝi. Mi certe estus kapabla atingi la alian bordon. Sana Elva certe ankaŭ. Sed la vundoj sur ŝia korpo ege doloris. Ni jam aŭdis la bojadon de la hundoj, kiuj estis kun niaj persekutantoj. Ne estis tempo por pli longe atendi. Tuj apud la rivero staris arbo. De ĝiaj branĉoj pendis longaj lianoj. Mi elektis tre dikan, altiris ĝin al mi kaj rapide klarigis al Elva, kion mi volas fari. Per sia lasta forto ŝi surgrimpis la arbon. Ŝi ĉirkaŭprenis min kaj mi ekpuŝis min for de la arbo. Per longa flugo ni atingis la kontraŭan bordon.

Post momento ili ekvidis nin. Kun granda kriego ili kuradis laŭ la alia bordo. Poste unu el ili komencis grimpi sur la arbon. Li volis atingi la alian bordon same kiel ni. Mi premis en la mano mian tranĉilon. Mi decidis ataki tiun ulon tuj kiam liaj piedoj ektuŝos la teron sur nia bordo. La viro ekprenis longan lianon, ekpuŝis sin, sed – li terure ekkriis – la liano disŝiriĝis. La viro falis en la riveron. Li naĝis. Post momento ondiĝis la akvo proksime de li kaj kelkaj teruraj buŝegoj ekkaptis lin. Elva, kiu senspire premis sin al mi, diris: Tiu estis la gardisto, kiu min batis.

Vincento silentiĝis kaj rigardis ien trans la tegmentojn de la urbo. Jes, ekzistas justeco en la mondo, sinjoro!

Tradukis kaj adaptis:

*Dieter BERNDT,*
*Germanio*



*aligatoro:* besto simila al krokodilo / *boji:* hunde bleki / *fuĝi:* forkuri por sin savi / *grimpi:* supren-tiri sin / *ĝangalo:* densa praarbaro / *hazarde:* ne-antaŭvideble / *liano:* planto, kiu pendas sur arboj, simila al ŝnuro / *maizo:* alta herbo, el kies greno oni faras farunon / *sklavo:* homo sen rajtoj / *vipo:* elasta batilo.

Evandro de Freitas
Brazilo

# MATEMAGIO

## Divenu sumon antaŭ ol adicii

**_Por mirigi amikon, diru, ke vi kapablas diveni la rezulton de adicio antaŭ ol fari ĝin._**

➤ Por tio petu lin aŭ ŝin skribi sur papero tri kvar-ciferajn nombrojn unu sub la alia tiel, kiel oni preparas ilin por adicii.

➤ Poste petu lin aŭ ŝin informi vin pri la unua skribita nombro. Helpe de ĝi vi skribos sur alia papero la sumon sen fari la adicion.

➤ Por kompletigi la „magion", petu lian / ŝian paperon kaj rapide skribu du aliajn kvar-ciferajn nombrojn sub la tri jam skribitaj, diskrete rigardinte la du lastajn, kompreneble.

La sekreto kuŝas en la du novaj nombroj. Ili estiĝu tia-maniere, ke ĉiu el ili sumiĝu **9999**.

➤ Kaj nun vi diras, ke li / ŝi devas adicii la kvin nombrojn, kaj li / ŝi venos al la sumo, kiun vi jam antaŭe surpaperigis.

*(Por pliigi la impreson, skribu rapidege la du novajn nombrojn. Per iom da praktikado vi sukcesos!)*

➤ *Kiel rapide trovi la sumon?*

Sufiĉas subtrahi 2 el la unua nombro kaj aldoni ĝin maldekstre al la nombro.

*Ekzemplo:*

Ŝi skribas tri nombrojn kaj informas vin pri la unua.

8451
3249
6702

Vi skribas la rezulton sur alia paper-folieto.

28449

Vi aldonas du nombrojn kaj petas la ludanton adicii ĉiujn.

**8451**
**3249**
**6702**
**6750**
**3297**
**28449**

**9999** (3249 + 6750) — **9999** (6702 + 3297)

➤ *Kiel tio eblas?*

Tio venas el la fakto, ke 9999 = 10000 – 1 kaj ke ĝi aperas du-foje, adicii la 5 nombrojn signifas aldoni 20000 – 2 al la unua nombro, kaj tio estas tre facila!

*adicio:* 2 + 2 = 4, ekzemple / *diskrete:* ne-rimarkeble, se eblas / *impreso:* efiko sur iun / *subtraho:* 4 – 2 = 2, ekzemple / *sumo:* rezulto de adicio.

# ILUSTRITA FRAZEOLOGIO

„Ilustrita frazeologio", la libro de *Sabine Fiedler* kaj *Pavel Rak* enhavas multajn tre utilajn parol-turnojn. Mendebla ĉe eldonejo KAVA-PECH, Anglická 878, CZ-25229 Dobřichovice (Prago), Ĉeĥio. (Rete: info@kava-pech.cz , TTT-ejo: *www. kava-pech.cz*).

*Ĉi-foje ni prezentas al vi frazeologiaĵon:*

## *Elverŝi sian koron*

*Klarigo:*

**Diri al iu ĉiujn siajn privatajn problemojn, sentojn, ktp.; sin konfidi al iu; Zamenhofa esprimo**



Ekzemploj:

- *„Vidu, estas preskaŭ neniu sur la ferdeko, absolute neniu aŭdos nin; libere elverŝu vian koron, Sinjoro Kant, mi estas je via dispono," ŝi vigle diris.* (D.Dorval JAĤTO VETURAS FOR ... KAJ VETURIGAS LA MORTON, 1983, p. 123)
- *Vespere ĉe Barbieri ŝi vidiĝis eĉ multe pli ema elverŝi sian koron ol kutime. Kaj parolis al ŝi pri siaj plejaj intimaĵoj: (...)* (M. Fernández Sara, en LA GAZETO 66, 10/96, p. 19)
- *Duon-ebriaj homoj ne malofte haltigas nekonatojn kaj elverŝas al ili la koron.*
- *Venu al mi, filineto, ne ploru! Rakontu, kio vin malĝojigas. Elverŝu al panjo vian koron. Nu, rakontu! Mi aŭskultas vin.*
- *Longe ŝi silentis, toleris senvorte. Sed kiam li batis ŝin, ŝi kuris al sia amikino kaj plorante elverŝis al ŝi sian koron.*

*frazeologio:* branĉo de lingvo-scienco pri specialaj parol-turnoj karakterizaj al iu lingvo.




***Ĉu vi jam aŭdis pri "Strika Tango" ?***

Nu, se vi deziras aŭskulti varmecan, poezian, gajan, diversstilan, bon-kvalitan muzikon, ne hezitu aŭskulti ***Civilizacio***-n de *Alessandro Cossavela* ! La tekstoj estas interesaj, ne tro malfacilaj, la ritmo de la muziko kaj tiu de la vortoj bone akordiĝas, kaj la etoso estas vere simpatia. Cetere, en tiu disko, 13 muzikistoj celas plezuriĝi, kaj plezurigi. Ĝi estas rezulto de efika kunlaboro sur teknika kaj homa flankoj: imagu, ke la voĉojn, gitarojn kaj drumojn oni surbendigis en *Buenos Aires* (Argentino), kaj la pianon kaj blov-instrumentojn oni surbendigis en *Tuluzo* (Francio). Jen vere internacia muziko! La rezulto estas *kompleta sukceso.*

Oni povas mendi la KD-on per la retejo de Vinilkosmo, kaj en bonaj libro-servoj. ***http://www.vinilkosmo.com***




# *PRI GITAROJ*




Oni ne povas imagi kiom da diversaj gitaroj ekzistas en la mondo: kvadrataj, rekt-angulaj, tri-angulaj, rondaj, plataj ... Ĉio eblas. Ĉiuj el tiu instrument-familio havas komunan trajton: son-keston kun tenilo ekipita per mekanismoj por streĉi kordojn. Tiujn kordojn oni pinĉas per la fingroj.

Oni ankaŭ skrapas ilin per la ungoj aŭ per plektro.
Laŭ la lando, la formoj tre diferencas kaj, kompreneble, ankaŭ la stiloj de la muziko.

Ekzemple : **Hispana gitaro (1)** utilas por tre diversaj stiloj. Ĝi disvastiĝis en la tuta mondo por diversaj stiloj. **Rusa balalajko (2)** estas triangula gitaro kun tri kordoj.



2

4



**Mandolinoj (3) el Eŭropo** havas duoblajn kordojn. La **usona banĝo** naskiĝis antaŭ du jarcentoj. Tiam oni konstruis instrumentojn el lignaj aŭ metalaj kestoj. **Ukulelo (4)** aŭ **havaja gitaro** estas ĝenerale tre mallonga, fakte ĝi estas la plej malgranda gitaro de la mondo. Tial multaj homoj kredas ke ĝi estas infana ludilo.

De la jaroj 1950 oni trovas ankaŭ **elektrajn gitarojn (5)** uzatajn por rok- kaj pop-muziko, sed fakte por ĉiu stilo. Por tiuj gitaroj necesas amplifikatoro kaj drato (foje ankaŭ orel-ŝtopiloj por la aliaj familianoj). Elektra gitaro kutime akompanas la voĉon de la kantisto. La bas-gitaro aldonas ritman bazon, iom obtuzan kaj tre plaĉan.

3



Se oni decidas studi gitar-arton, oni trejnu sin ĉiu-tage, dum jaroj ! Se vi preferas elektran gitaron, vi nepre antaŭvidu bone izolitan ĉambron, ĉar, eble, aliaj taksos vian muzikon bruo! Ne hezitu trejniĝi kun geamikoj, eĉ se vi estas komencanto, ĉar tio donos al vi kuraĝon, kaj instigos vin lerni plu.

5



*Marielen, Francio*

*akordo* : agrabla harmonio / *amplifikatoro* : elektra plifortigilo de sonoj / *civilizacio* : kulturo kaj scienco de iu epoko / *drumo* : frap-muzikilo ritmodona / *ekipi* : provizi per io necesa, alfiksi ion / *etoso* : humoro de la ĉeestantoj / *gitaro* : kord-muzikilo / *instigi* : puŝi al ago / *instrumento* : fabrikita objekto por iu speciala uzo / *KD* = kompakta disko ; KoDo / *kompleta* : senmanka / *kordo* : metal-fadeno de iuj muzikiloj / *mekanismo* : pecoj, kiuj kunefikas / *obtuza* : malklara / *pinĉi* : sonigi kordojn per fingroj / *plektro* : kordo-skrapilo / *ritmo* : regula reveno de sam-soneco / *poezio* : arto de parol-muziko / *piano* : muzikilo kun klavaro / *striko* : ĉesigo de laboro por atingi ion / *tango* : speco de danco / *trejni* : kapabligi per ekzercoj.

## PROVERBOJ

**Al aliulo ne faru tion, kion vi ne volas, ke oni faru al vi.**
**Kiu mensogis per unu vorto, ne trovos kredon ĝis la morto.**
**Kiu volas panon, ne dorlotu la manon.**
**Senlaboreco estas patrino de ĉiuj malvirtoj.**
**Longe ĉerpas la kruĉo, ĝis ĝi fine rompiĝas.**

**NIA KULTURA HEREDAĴO**

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur RAGNARSSON. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

# BILDOJ EL LA HISTORIO

## 23 Fratoj Reto kaj Cezaro ROSSETTI

Se oni demandus min, kiun libron, originale verkitan en Esperanto, samtempe viv-plene distran kaj lingve vervan, mi elektus kiel ripete ĝuindan, mi emus mencii libron, la solan de ties aŭtoro, libron, aperintan antaŭ pli ol duona jar-cento kaj du-foje reeldonitan, la romanecan membiografion *Kredu min, sinjorino* de Cezaro Rossetti.

La aŭtoro, kolportisto, en milda printempa tago, iras de pordo al pordo kun sia varo, la „senakva kuirilo", sed estas ĉie rifuzita. Li ekhavas la ideon kaŝi la valizon, por ke ĝi ne estu vidata, kaj frapas novan pordon. La pordo malfermiĝas, kaj tie staras koketa servistino:

*„Bonan tagon, mia karega," mi mielis, strabante al ŝi. „Vi estas rave bela. Ĉu vi emus eliri kun mi ĉi-vespere?"*

*Ŝia ŝoke timigita rigardo amuzegis min, kaj mi laŭte ridis. Terurite ŝi enkuris, fermante la pordon. Mi certas, ke ŝi pensis, ke mi estas alt-grada maniulo. Fakte, la frenezulejo ne estis malproksime de tie. Tiu epizodo gajigis min kaj hazarde atentigis min, ke la kaŝo de la valizo estos avantaĝo, ĉar ne tuj vidiĝos, ke mi estas kolportisto.*

La ĉapitro, el kiu estas citita la supra ekzemplo, havas la titolon *Konstante frapante...*, kiu estas aludo al la konata poemo de Zamenhof *La Vojo*, aludo kiu havas proverban karakteron. Ĉiu el la 43 ĉapitroj de la libro havas Zamenhofan proverbon kiel titolon, kio samtempe ligas la verkon al la kultura tradicio de Esperanto kaj kerne rivelas la temon de la koncerna ĉapitro.

**Cezaro Rossetti** (1901-1950) sin okupis pri diversaj aferoj dum sia nelonga vivo. Dum kvar jaroj li estis en Hindio, kie li akiris restoraciajn spertojn. Revene li laboris kiel kuir-

isto en hotelo kaj kiel kolportisto kaj eksponisto, reklamante kaj vendante varojn en foiroj. Pri tiuj spertoj rakontas lia sola libro, la jam menciita *Kredu min, sinjorino.* Temen ĝi konsistas ĉefe el longa vico de vendaj epizodoj, gaje kaj verve prezentitaj, kaj estas tiu flua, vigla kaj natura stilo, kiu donas al la verko ĝian plej grandan valoron.

Tamen pli konata estas lia frato **Reto Rossetti** (1909-1994). La fratoj estis svis-devenaj, sed vivis kaj laboris en Britio. Profesie Reto estis estro de fakultato pri art-pedagogio kaj influo de lia fako estas ofte konstatebla en liaj verkoj. Li debutis publike kiel Esperanto-poeto per la poemaro *Oazo* en la fama poem-libro *Kvaropo* (1952) en akompano kun William Auld, John S. Dinwoodie kaj John Francis. Tamen estas klare, ke li komencis verki multe pli frue, iuj el tiuj poemoj devenas el la kvara jardeko. Lia dua poemlibro, *Pinta krajono,* aperis sep jarojn poste. La poemoj de Rossetti estas tre variaj laŭ temo kaj etoso, multaj atestas akran observon, aliaj sentajn sin-tenojn, foje grimacajn, ekzemple en la jena infan-rimaĵo:

*Per petardo Sam petolis,*
*poste li raketon volis;*
*poste per bengala fajro*
*ludis li en dom' el pajlo.*
*Tutan domon kaptis flam',*
*tra l' tegmento saltis Sam.*
*Fluge, fluge li sin pafis,*
*fine sur la lunon trafis.*

La plej longa poemo, *Jubilea Eposo,* estas 30-paĝa poezia skizo pri la historio de la internacia lingvo kaj aparte de Esperanto, verkita okaze de la 50-jara dat-reveno de la unua mond-kongreso en 1905. Lerta uzado de la lingvo karakterizas la poezion de Reto Rossetti, kio plej klare montriĝas en la varieco de poem-formoj.

Kiel verkinto de prozo Reto Rossetti eminentas kiel novelisto kaj eseisto. Lia novelaro *El la maniko* estas interesa legaĵo por ĉiu progresanta esperantisto. La titolo pensigas pri ĵonglisto, kaj precize kiel tia, la aŭtoro impresas la leganton per sia verva kaj sprita eltrovemo, teme kaj lingve. La lingva ĵonglemo de la aŭtoro plej evidentas en la rakonto pri profesoro Klapelklap, kiu per liter-kartoj trovis metodon esplori la devenon de nov-vortoj en Esperanto, sekve la bazon de nova scienco, kiun li nomas „neo-

logismologio". La noveloj atestas la interes-kaptan rakontan kapablon de la aŭtoro, kiun ĉiam akompanas ludema humoro, psikologia kompreno kaj, je okazoj, sprita ironio.

Reto Rossetti estas unu el tiuj homoj, kiuj dediĉis sian vivon al Esperanto kaj, dum jardekoj, kontribuis al la literaturo kaj kulturo de la internacia lingvo. Tion li faris ne nur per siaj poemoj kaj noveloj, sed ne malpli per siaj multnombraj eseoj kaj artikoloj en diversaj revuoj. Kelkaj el liaj eseoj aperis en libroformo, *Arto kaj naturo*, lia lasta libro (1989). Li ankaŭ okupis sin pri la instruo de la lingvo kaj verkis lernilojn. Kaj kiel atendeble, li multe tradukis, tie elstaras tradukoj el la verkoj de Shakespeare kaj aparte lia traduko de *Otelo* (1960).

La fratoj Rossetti jam apartenas al niaj klasikuloj, *Kredu min, sinjorino* kaj *El la maniko* estas libroj, kies ripetaj legoj ĉiam aldonas ion novan, profundan aŭ praktikan al nia lingva maturiĝo.

*debuti:* unuan fojon prezenti sin antaŭ publiko / *eksponi:* elmeti, elmontri al publiko / *eseo:* analiza verko pri iu temo / *ironio:* ridindigo per ŝajna sam-opinio / *jubileo:* festa rond-cifera dat-reveno / *ĵongli:* lertege uzi ion / *koketa:* deziranta sekse plaĉi / *kolportisto:* migranta etvendisto / *pajlo:* seka trunketaro de panherboj / *petardo:* amuza fajraĵo / *profesoro:* instruisto en supera lernejo / *psikologio:* scienco pri sentoj, motivoj / *raketo:* arta fajraĵo pafita en aeron / *restoracio:* gastejo, manĝejo / *rimo:* sam-soneco de vortofinoj / *riveli:* malkovri ion kaŝitan / *skizo:* unua prova verko / *ŝoki:* kolerige efiki sur iun / *verva:* malteda.

# Gesinjoroj Steele
## kiel steloj, verdaj steloj en Hindio

**S-ro *Trevor Steele* (aŭstraliano) kaj s-ino *Katarina Steele* (slovakino) kvar plenajn monatojn verde brilis en sud-hindia urbo Bangaloro por preskaŭ mil skoltoj kaj junuloj.**

*S-ino Saranath,* nia fidela kunlaboranto kaj ŝia sin-dediĉa sekvanto por Esperanto, *Venkatesh Reddy* (vidu lin kaj lian familion ĉi-sube) invitis la



geedzan paron Steele al Hindio por instrui tie Esperanton. Li laboris multe kaj daŭre por sukcesigi la laboron de la invititoj: li traktis kun multaj direktoroj de lernejoj, aranĝis la vizitojn al tendumejoj kaj akiris permeson esperantumi tie, ĉeestis grandan parton de la instru-horoj, prizorgis kaj grandparte ankaŭ pagis la loĝadon de la




invititoj, kuniris kun ili al kuracisto, kiam ili malsanis. La Esperanto-movado bezonus multajn Venkateŝojn laŭ la vortoj de Katarina Steele. *Trevor* kaj *Katarina* gvidis 10-tagajn E-kursojn en sep lernejoj, nome: *Skoltina* Centro en Bangaloro (23 plen-kreskuloj kaj 7 infanoj), *Stella Maris Convent School* (30 gejunuloj), lernejo *Adarsha* (3 plenkreskuloj), *Florence Public School* (97 geknaboj), *Cluny Convent School* (76 knabinoj), *Nirmala Rani Convent School* (96 knabinoj), *Goodwill Christian School* (90 knabinoj). Ili instruis en grandaj haloj, ĉambregoj. La infanoj (60-80) sidis sur-planke (kio estas en Hindio kutima afero). La instruistojn kaptis la nekutima lernemo kaj afableco de la infanoj, kiuj estas multe pli disciplinitaj ol tiuj en Eŭropo. Katarina vortigas siajn sentojn jene: *„Ni estis ĉie bone akceptitaj kaj de la lernejaj estroj kaj de niaj lernantoj. La dank-leteroj de infanoj, iliaj donacetoj, la lernejaj ceremonioj, centoj da fotoj kun ni faritaj ĉio ĉi estis kor-varmiga pruvo pri tio, ke ni ne laboris vane."*

Ĉiu kurs-fininto ricevis belan koloran diplomon, kies disdonado iĝis kutime festo kun multege da fotado. En ses lernejoj de Bangaloro estis elektita po unu reprezentanto de la novaj esperantistoj, kiuj iĝis TEJO-membroj pere de la fondaĵo Canuto. Ĉi tiuj junuloj pretas kunteni kaj informadi la E-grupon de sia lernejo. S-ro Venkatesh vizitados la grupojn, organizos por ili renkontiĝojn kaj programojn. La lernejaj bibliotekoj ricevis E-eldonaĵojn.

Mallonga artikolo pri Esperanto kaj la agdo de *ges-roj Steele* aperis en *Indian Express*. Iom pli ampleksa aperis en la tag-ĵurnalo *Deccan Herald*. Instigite de la artikolo kontaktis la instruistojn loka muzik-grupo „Esperanto", kiu uzas la nomon por esprimi sian emon al tut-monda muziko, sed la membroj ne parolas la lingvon. Dank' al ili la grupo ekkontaktis EUROKKA. *Trevor* havis eblon mallonge prezenti Esperanton dum unu el la koncertoj de la bando.

***Feliĉe la cunamo ne atingis ilin. Multajn sukcesojn, geamikoj!***

*(Vidu ankaŭ la paĝon 52)*






# Konversaciaj temoj

**help-materialo por ekzamenotoj**

**Nova rubriko!!!** **Rubrikestro:** ***s-ino Judit Felszeghy***

## I. Unue ni planu vojaĝon!

– Kara mia, kie ni ripozu somere?
– Kiam?
– Somere.
– Sed, karulino, estas ankoraŭ marto.
– Jes ja, sed ni devas decidi frue! Kien vojaĝi? Karla kaj Paŭlo estis last-jare en Italio. Ĉe la maro. Ili diris, ke estis mirinda vojaĝo.
– Kaj per kio ili veturis?
– Per aŭtomobilo. Per ĝi la vojaĝo daŭris nur unu tagon.
– Mi ne volas stiri de frua mateno ĝis malfrua vespero. Mi preferas veturi per trajno aŭ aŭtobuso ol sidaĉi dum tuta tago malantaŭ la stirrado.

*Imagu, ke **vi planas vojaĝon** kun viaj gepatroj aŭ geamikoj. Decidu, kien kaj per kio vi veturos. Ili, eble, ne tuj konsentas... Jen kelkaj aferoj por konsideri:*
*geografia situo, klimato, naturaj kaj historiaj valoraĵoj, vizitindaj monumentoj, muzeoj, kulturaj specialaĵoj, trafiko, hoteloj, restoracioj, parkoj, ktp.*

## II. Aĉetu vojaĝ-bileton!

– Mi volas aĉeti bileton por iro kaj reveno ĝis Milano tra Vieno. Mi deziras bileton por lit-vagono.
– Litvagono ne estas, nur kuŝ-lokoj de Vieno. Ĉu bileton por la unua aŭ dua klaso?
– Por la dua, mi petas. Ĉu mi devas rezervi sid-lokon ĝis Vieno?
– Jes, ĉar tio estas internacia ekspreso.
– Kiam la trajno ekveturos el Budapeŝto kaj kiam ĝi alvenos al Vieno? Kiam mi pluveturos al Milano?
– Momenton. Mi tuj rigardos la horaron... do, vi intencas ŝanĝi trajnon en Vieno...

*Imagu, ke vi estas la vojaĝonto kaj mendu bileton por aviadilo al Usono / aŭtobuso ĝis Parizo / por ŝipo de Kopenhago ĝis Helsinko / aŭ ien ajn, kien vi dezirus vojaĝi.*

**Vortoj, esprimoj:** staci-domo, biletejo, envagoniĝo, ekspresa trajno, ŝanĝi trajnon, kupeo, restoraci-vagono, koridoro, konduktoro, stevard(in)o, rul-tableto, kabino, valizo-breto, rezervi sid-lokon, antaŭmendi bileton telefone, pasporto, vizo, vojaĝi kun rabato




## III. Taskoj

– Kiujn dokumentojn necesas kunporti por vojaĝo eksterlanden?
– Kia-specajn tranoktejojn vi konas?
– Kiuj estas la ĉefaj geografiaj regionoj de via patrujo?
– Kiujn objektojn vi metus en vian dorso-sakon por tri-taga ekskurso en montaro?
– Rakontu, kie kaj kiam vi deziras ferii.
– Diskutu kun via kunulo pri la bildoj.
– Kiuj estas la avantaĝoj de Pasporta Servo?

## IV. Pasporta Servo

Pasporta Servo celas faciligi internacian vojaĝadon, donante al la uzantoj la eblon gasti ĉe esperantistoj. Ĉiu-jare aperas listo de gastigantoj, ĉe kiuj eblas senpage tranokti. La last-jara eldono havas pli ol 1200 adresojn el 79 landoj. Ne nur gejunuloj rajtas uzi la Servon, por kio sufiĉas aĉeti la listo-libron (15 € + afranko). Informoj ĉe *www.tejo.org/ps* kaj *pasporta.servo@wxs.nl* .

## V. Vortoj kaj esprimoj

*Tranoktejoj:* hotelo, pensiono, turisma gastejo, luita loĝejo aŭ ĉambro
*(Ter-, akvo-, aer-)veturiloj:* aŭtobuso, aŭtomobilo, motorciklo; ŝipo, pramo, pramŝipo; aviadilo, helikoptero; piloto, flug-haveno, vetur-malsano, ĉef-sezono, antaŭ- kaj post-sezono, ferii ĉe lago, maro
*Verboj:* iri, veturi *per* / *en* (aŭto)buso, vojaĝi Japani*on*, *al* Japanio, *en* Japani*on*, lui apartamenton, demandi io*n* *al* iu aŭ demandi iu*n* *pri* io, danki iu*n* / *al* iu *pro* / *por* io



# LINGVA DOKTORO

H

## Prepozicioj kiel prefiksoj

Oni ne malofte renkontas verbojn kiel *eliri, aldoni, antaŭdiri, subridi* ktp. Sen aparta gramatika studo oni povas diveni – konante la signifon de la prepozicio – la signifon de la prefiksitaj vortoj. Ekzemple, *eliri* signifas: 'iri eksteren el la interno de io'; *antaŭdiri* egalas: 'diri ion antaŭ ol io okazas', t.e. *aŭguri*; *subridi* evidente esprimas (duon)kaŝitan ridon.

Tiaj verboj preskaŭ ĉiam indikas lokon aŭ direkton. Vi certe facile komprenas la sekvajn frazojn: *Ĉu la sitelo* ***enhavas*** *akvon? Ĝi* ***entenas*** *nur ĉirkaŭ litron da akvo, sed ĝi estas malpura, iu* ***enĵetis*** *ion.* Multaj verboj indikas direkton, kiel *enĵetis* en la lasta propozicio. Post kelkaj verboj oni forlasas eĉ la prepozicion, ĉar ĝi estas facile subkomprenebla. Vidu, ekzemple: *Li* ***eniris*** *(en) la ĉambron. La rivero* ***enfluas*** *(en) la maron.* Por kontraŭa direkto uzu el-verbojn: *Li* ***eliris*** *el la ĉambro. Akvo* ***elfluis*** *el la botelo.* Kun kelkaj verboj *el* esprimas, ke la ago estas sukcese finita. Vidu, ekzemple: *Li lernis la lecionon de fiziko dum tuta horo, sed ne* ***ellernis*** *ĝin.*

Vi certe facile komprenas la subajn frazojn: *Eva* ***surmetu / demetu*** *la ŝuojn! Ŝi* ***surprenis*** *novajn taskojn.* En tiu ĉi frazo temas pri metafora senco, nome: *Ŝi akceptis... .* ***Alverŝu*** *ankoraŭ iom da fruktosuko. Ili* ***alvenis*** *al ni je la 7a horo. Mi ne kuraĝis* ***alparoli*** *( = aldoni opinion al iu temo). Eva kisis kaj* ***ĉirkaŭbrakis*** *sian filineton. Mi ne komprenas la vorton 'ŝargi', bonvolu* ***ĉirkaŭskribi*** *ĝin. La vagonaro ne haltis, ĝi* ***preterveturis*** *la stacion.*

Komparu la sekvajn frazojn: *Li* ***trairis*** *la straton ( = laŭlonge). Li* ***transiris*** *la straton ( = laŭlarĝe, al la alia flanko).* En kelkaj okazoj *tra-* kaj *trans-* havas tempan sencon: *Li* ***trasuferis*** *la militon (t.e. Li elportis multajn suferojn de la komenco ĝis la fino de la milito). Li* ***transvivis*** *la krizon (t.e. li ne mortis en la krizo, sed vivas eĉ nun de post la krizo).* Ankaŭ la jena frazo estas interesa: *Li* ***transsendis*** *mian mesaĝon al Johano, kiun mi ne povas rete atingi.* Ĉi-foje li **intervenis** kiel peranto.

*Antaŭ-*, *post-* kaj *ĝis-* preskaŭ ĉiam esprimas tempon. *Ŝi* ***antaŭdiris*** *( = aŭguris) mian sukceson en la konkurso. Ili* ***antaŭdankis*** *( = anticipe dankis) nian bon-volemon. Li* ***postkuris*** *ŝin por* ***transdoni*** *al ŝi la ŝlosilojn, kiujn ŝi forgesis ĉe li sur la tablo. Li manĝis tre multe,* ***postrestis*** *nur kelkaj kukoj. Li* ***postlasis*** *nur unu verkon en Esperanto. La patro ne* ***ĝisvivis*** *la naskiĝon de la filo, li mortis pro kor-atako tre juna. Ne* ***envenu, ĝisatendu*** *min ĉi tie, antaŭ la* ***enirejo****.*

Estas menciinde, ke relative multaj verboj akceptas prefikse la prepozicion *pri*. Ili esprimas agon, kiu indikas detalan prezenton de iu temo. Ekzemploj: *Andrea, bon-volu* ***priskribi*** *la klas-ĉambron. Unue,* ***pridiskutu*** *la temon, poste raportu al mi pri la decido.* ***Pripensu*** *la aferon, mi petas. Antaŭ ol juĝi, ni* ***priparolu*** *la argumentojn por kaj kontraŭ.*

La lasta vorto memorigas min pri la suba frazo: *Li provis* ***kontraŭstari****, sed fine cedis.*

Kun *ĉe-* ni havas nur unu tre oftan vorton, nome *ĉeesti. Hodiaŭ forestas du geknaboj,* ***ĉeestas*** *dudek naŭ lernantoj.*

Ne forgesu, ke prepozicioj povas servi kiel bonega rimedo krei novajn vortojn. Neniam preteratentu ilin.

*Geza KURUCZ, Hungario*

# VERDA PAĜO

## FAKTOJ KAJ ARGUMENTOJ PRI ESPERANTO

**Tiu ĉi rubriko servas niajn novulojn. Oni ofte starigas al ni demandojn, kiujn – pro manko de sperto – estas malfacile respondi, konvinke rebati. Ĉi tie ni deziras liveri utilajn faktojn kaj respondojn.**

## Por kio lerni Esperanton?

***Sci-volulo:*** Saluton, kara Ĉef-komputila Moŝto! Prezentu al vi, mi baldaŭ gvidos Esperanto-kurson en nia lerneja klubo.

***Ĉefkomputila Moŝto:*** Gratulon, Scivolulo. Mi deziras al vi brilan sukceson! Ĉu vi mem varbis la kursanojn?

*S:* Grand-parte, jes.

*Ĉ:* Kaj kiom da personoj vi povis varbi?

*S:* Dek du. Unue ĉio iris glate, sed poste, pro la influo de la gepatroj, pli ol duono de la varbitoj ŝanĝis sian pozitivan decidon.

*Ĉ:* Kion ili diris?

*S:* Ili asertis, ke Esperanto ne havas praktikan valoron.

*Ĉ:* Ŝajne tre racia argumento. Kaj kiel vi rebatis ilian argumenton?

*S:* Mi menciis plurajn el niaj ĉiu-jaraj aranĝoj kiel UK (Universalan Kongreson), IJK (Internacian Junularan Kongreson), Interkulturon, reciprokajn vizitojn de klasoj, montris Esperantajn gazetojn, librojn, parolis pri radio-elsendoj de Varsovio, Romo kaj Pekino, prezentis kompakt-diskojn (KD) de Vinilkosmo kaj hejm-paĝojn de „Lernu!" kaj „Edukado". Kelkajn, eble, konvinkis miaj vortoj, sed ankaŭ mi sentas, ke niaj „eventoj" ne estas kompareblaj kun tiuj de grandaj naciaj lingvoj. Niaj rimedoj estas modestaj.

*Ĉ:* Varbante al Esperanto vi forgesis pri unu gravega afero: *justeco*.

*S:* Vi pravas, sed... laŭ mi per idealismo oni nun ne povas altiri homojn.

*Ĉ:* Ĉu vi trovas?! Multaj opinias, ke la nun-tempa mondo estas maljusta, kaj pluraj deziras fari ion pozitivan por eviti misevoluon. Mi estas certa, ke por sendube nobla ideo, kia estas Esperanto, aliĝas pur-koraj homoj, kiel amase ekagas junuloj por protekti la medion, ekzemple. Vi devas malfermi la okulojn de sinceraj homoj dirante ke el la sufoka plur-lingvismo escepte la neaŭtralan internacian lingvon ekzistas nenia alia akceptebla eliro. Laboro por Esperanto estas laboro por justa estonteco.

*S:* Jes, vi pravas. Ĉiuj aliaj solvoj estas maljustaj. Dankon, mi komencos novan kampanjon.

# KOLOROJ kaj POZICIOJ

## Kio?

▭ = longa ort-angulo

□ = kvadrato

∟ = orto (90°)

□□□□ = vico

□ □ □ □ (vertikale) = kolumno / kolono

[A] = helruĝa A sur griza fono

## Kie?

■□ = apud — dekstre de

□ super ■ = super / sur — supre de

■ super □ = sub — malsupre de

■ (kun punkto en la mezo) = centre / meze de — en la centro / mezo de

■ kaj □ oblikve = oblikve de

## Kia?

verda, (mal)helverda, flave verda, printempe verda

***Kaj nun sekvas ekzercoj!***

- Kia estas la unua kvadrato en la tria kolumno? – *Blua.*
- Kiu kvadrato estas helverda? – *La lasta en la dua vico (de supre).*
- Kie troviĝas la verda stelo? – *En la centro de la paĝo.*
- En kiu longa ortangulo (kesto) estas gladilo?
  – *En la malsupra maldekstra angulo.*
- Kion vi vidas apud la gladilo sur blanka fono? – *Kuniklon.*
- En kioma vico troviĝas la flave verda kvadrato? – *En la kvara.*
- Kiukolora ĝi estas? – *Blanka.*
- Nomu la kolorojn de la kvadratoj en diagonala (oblikva kun 45° grada angulo) vico de malsupre supren kaj dekstren. – *Viola, oranĝa, bruna kaj roz-kolora.*
- Nomu la kolorojn de ĉiu dua (nepara) kvadrato en la du supraj vicoj.
  – *Malhelverda, griza, helbruna kaj malhelbruna.*
- Ĉu la helflava kvadrato troviĝas inter la ruĝa kaj bruna kvadratoj? – *Ne.*

***Ekzercu vin per kreado de similaj demandoj kaj respondu la metitajn demandojn.***
***Ne laciĝu ĝis plena aŭtomatiĝo!***

*Zoltan Kurucz*



Cluny Convent School en Malleswaram (Hindio),
kie s-ro Venkatesh kun ges-roj Steele (meze en la dua vico)
instruis skoltinojn (vidu p. 44)